# INTERNACIA FERVOJISTO




ORGANO DE I.F.E.F.

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

29a jaro SEPTEMBRO-OKTOBRO 1977 N-ro 5



*La "COLOSSEO" en Romo.*

# KIEL ATINGI ROMON:




INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO - FEDERACIO

**Sekretariejo:** E. Kruse, Wienerstr. 121, D-6000 Frankfurt/Main 70 - GERMANIO
**Redaktoro:** Guy Delaquaize, 52, rue L.-Gandillet, 78420 Carrières/Seine, FRANCIO
**Bankkonto:** Provinsbanken, konto n-ro 7353-350550 - DK 9800 - Hjørring - DANIO

# LA 30-a IFEF-KONGRESO EN ITALIO (ROMO)

**Unuaj informoj:** LKK komunikas.

**Dato:** 13 - 20 majo 1978.

**Konstanta Kongresa Adreso:** 30-a Esperanto-Kongreso de IFEF ĉe
Dopolavoro Ferroviario di Roma
Via Bari 22
I 00161 ROMA

**Kongresejo:** "Domus Pacis"
Via Torre Rossa 94 - ROMA

**Loka Kongresa Komitato:** Prezidanto: Alberto Menabene
Publikaj rilatoj: Manlio Galli
Sekretariino: Mirella Merlani
Fakprelego: Antonio De Salvo

N.B. Kunlabore kun LKK interesiĝas pri loĝado kaj organizos ĉiujn ekskursojn CIT (Compagnia Italiana Turismo) - Piazza della Repubblica 68 - 00185 ROMA. Ĉiuj partoprenontoj estas petataj sendi al ĝi aliĝilojn kaj kotizojn.




*La IFEF-flago estas en la teko de d-ro Menabene (meze).*

**Provizora programo:**

| | |
|---|---|
| Sabato, 13.5. | Akcepto de gekongresanoj. Interkona vespero. |
| Dimanĉo 14.5. | Diservo. Inaŭguro. Urba rondveturado. Teatra vespero. |
| Lundo 15.5. | Kongreslaboroj. Internacia balo. |
| Mardo 16.5. | Matene: vizito al la vatikanaj muzeoj; posttagmeze: vizito al la baziliko Sankta Petro. |
| Merkredo 17.5. | Kongreslaboroj. Filmprezentado. Fakprelego. Forumo. |
| Ĵaŭdo 18.5. | Tuttaga ekskurso. a. Etruska: Cerveteri-Santa Severa-Santa Marinella-Civitavecchia-Tarquinia-Vetralla-Lago di Bracciano-Anguillara; aŭ b. Montetoj de Romo: Tivoli (Villa Adriana-Villa d'Este)-Frascati-Grotta-ferrata-Marino-Via del Laghi-Genzano-Ariccia-Castelgandolfo. |
| Vendredo 19.5. | Kongreslaboroj. Vespera urba rondveturado kun vizito al nokta klubo. |
| Sabato 20.5. | Matene: Fermo de la kongreso. Forveturo al Napoli (oni klopodas organizi dutagan postkongreson en Napoli). |

Sekvos detalaj informoj en la venonta bulteno.



*Fontano "TREVI" en Romo.*

# LA REDAKTORO ALVOKAS:

**1. La IF-bulteno-ricevantojn.**
Atentu; se la adresoj skribitaj sur la etikedoj de la pakaĵoj de IF-bultenoj estas malkorektaj (eraraj) aŭ ne plu validas, bonvolu NEPRE informi min per simpla poŝtkarto. Dankon.

**2. Ĉiujn legantojn de IF.**
Mi ricevas regule la gazetojn aŭ revuojn, kies liston vi bonvolu legi ĉi-apude. Mi estas preta komuniki al eventualaj interesuloj la numerojn de la 3 lastaj jaroj. Demandu al mi tion kion vi volas.
a. Landaj bultenoj el: Danio, Francio, Italio, Nederlando, Norvegio, Svisio.
b. Diverslandaj revuoj:
Heroldo,Esperanto (UEA), Literatura Foiro, Hungara Vivo, Skolta Mondo, Budapeŝta Informilo, El Popola Ĉinio, Radio Vaticana, Slovaka Esperantisto, Interlingvistika Informa Servo, Nov-Zelanda Esperantisto, The Worker Esperantist, Pilo-Press.

# EL NIAJ LANDAJ SEKCIOJ

## ĈEĤOSLOVAKIO

Anoj de E-grupoj el Česká Třebová, Lanškroun, Litomyšl, Polička, Svitavy kaj Žamberk denove renkontiĝis, nun en urbo Lanškroun. Partoprenis eĉ unu samideano el Francio.

Post trarigardo de bierfabriko kaj post fakprelego pri produktado de biero, gepartoprenantoj per aŭtomobiloj forveturis sub monto "Lázek", kie ĉe memorŝtono ili aŭskultis interesan prelegon pri okazintaĵoj fine de II-a mondmilito en regiono de urbo Lanškroun. Rememorante mortigitojn de faŝistoj metis franca amiko bukedon de floroj al memorŝtono.

Ĉe ekbruligita tendofajro oni komencis paroli pri novaĵoj en E-grupoj, anoj de Centra komitato de ĈEA transdonis informojn el laboro de ĈEA. Amuza programo kun babilado, kantado per akompano de gitaro kaj akordeono daŭris ĝis vesperaj horoj. Gepartoprenantoj adiaŭis per vortoj: "Ĝis la revido en Česká Třebová!"

Kompilis: Jiří Pištora.

## JUGOSLAVIO

**La jugoslavia asocio honorigis IFEF** okaze de la 20-jara aperado de "Jugoslavia Fervojisto" por kunlaboro **per DIPLOMO.**
Kelkaj kunlaborantoj – Joachim Giessner, Germano Gimelli, Mirella Merlani, Matti Voltti k.a. – per publikaĵoj kontribuis al la gazeto. JAFE esprimis la deziron, ke ili kaj ankaŭ aliaj estonte same kunlaboros.

(Koran dankon por la diplomo IFEF-estraro.)

## ITALIO

Esperanto-ekzamenoj ĉe "Dopolavoro Ferroviario" de Reggio Calabria oka-

zis laŭ iniciato de la fervojistoj de Pizzo kaj Reggio. La manifestacio disvolviĝis per konferenca debato de d-ro Alberto Menabene el Romo (LKK-prezidanto de la 30-a IFEF-kongreso 1978 en Romo). La debato, kiu sekvis la paroladon de d-ro Menabene, estis tiel vigla kaj fruktodona, ke la estroj de la kultura klubo decidis organizi Esperanto-kurson ĉe la klubo mem.
La geedzoj Gimelli, kiuj ĉefe iniciatis tiun ĉi aranĝon, restis kelkajn tagojn kaj gvidis loke rapidegan kurson por la gvidantoj (kelkaj el ili estas profesie instruistoj).
La familio Gimelli ankaŭ gvidis ekzamenojn de la Esperanto-kurso, organizita por fervojistoj en Porretta Terme. Samtempe okazis tie ekspozicio, dum kiu Germano Gimelli denove gajnis pokalon kaj gravuritan ceramikan teleron. Liaj kolektoj de Esperanto-poŝtmarkoj kaj poŝtstampoj de la IFEF-kongresoj trovis tiom da intereso, ke la ekspozicio estis plilongigita je unu semajno.

**Germano Gimelli "Kavaliro".**

Kiu ne konas nian longjaran, viglan italan komitatanon, la honoran membron de IFEF, Germano Gimelli? Li estas denove honorigita. La 27-an de junio 1977 li ricevis personan telegramon de la Ministro pri Transportoj de Italio, kiu tekstas jene:
"Estas por mi ĝojo informi vin, ke per sia dekreto, datumita la 2-an de junio 1977, la sinjoro prezidanto de la respubliko, kompleze disponigas je via favoro honorigon kiel "Kavaliro" de la Ordeno je merito de la Itala respubliko. Vivajn simpatiajn gratulojn kaj bondezirojn.

Attilio Ruffini,
Ministro pri Transportoj"

(Ankaŭ la IFEF-estraro tutkore gratulas nian kolegon Gimelli por la distingo kaj ĝojas, ke per tiu honorigo oni ankaŭ en Italio alte taksas la multajn aktivaĵojn.)

## FERVOJ-HISTORIO

**La faritaĵo de'la SAGO.**

La 5-an de majo 1835 okazis nenormala evento: La vaporlokomotivo "La Sago" atingis la gigantan rapidecon de proksimume 24 km en iom malpli ol unu horo.
Tio estis la distanco de Bruselo (verda aleo) ĝis Meĥeleno (Malines).
La Sago tiris sep vagonojn kun benkoj, kaleŝoj kaj kovritaj kaleŝoj en kiuj sidiĝis la eminentuloj kune-kun kelkaj sinjorinoj ne timantaj la "fera(n) monstro(n)".
Tiu fera monstro estis la unua vagonaro, kiu veturis tra la Eŭropa kontinento.
Unu jaro poste: 871.307 vojaĝoj.
Dum la dekdu monatoj de la sekvinta jaro, do en 1836 oni registris en Belgio preskaŭ naŭ cent mil vojaĝoj.
Jam tiam la fera monstro ne plu aspektis tiel monstra en la okuloj de la granda publiko.
La Belgaj Fervojoj jam vekis la scivolemon de konataj eksterlandanoj.
En 1839 vojaĝis Viktor HUGO sur la nova linio de Lieĝo al Hui. Li estis kaj restis ravita pro tiu vojaĝo.
Ni volas esperi kaj kredi certe ke la belgaj vojaĝontoj dum kelkaj jaroj, estos same ravitaj pro la modernigado, la rapideco, la komforto kaj la sekureco de siaj trajnoj.

# FERVOJAJ INFORMOJ

**Modernaj transport-sistemoj.**

## LA SOCIETO INTERCONTAINER KAJ ĜIA AKTIVECO.

La unuaj konteneroj atingis Eŭropon antaŭ pli ol 10 jaroj venante ĉefe el Ameriko trans Atlantika oceano. Intertempe la kontenera trafiko forte disvolviĝis kaj nuntempe oni povas renkonti "grandajn skatolojn" sur ĉiuj trafikvojoj de la mondo, transportataj per rimedoj de ĉiuj trafikbranĉoj: sur ŝoseaj veturiloj, sur fervojaj vagonoj, en ŝipoj kaj eĉ en aviadiloj.

La eŭropaj fervojoj reagis sufiĉe elaste al apero de la nova transporta sistemo, vidante en ĝi la ŝancon por plibonigo de sia pozicio sur la transporta merkato. Intertempe oni konstruis plurajn kontenerajn bazojn (terminalojn) kun necesaj instalaĵoj por manipulado de konteneroj, akiris specialajn vagonojn por ilia transportado sur reloj, kreis specialajn ekspresajn kontenerajn trajnojn ktp. En pluraj landoj estis fondataj ankaŭ specialaj organizaĵoj ("firmaoj-filinoj") por sin okupi pri organizado kaj realigado de tiuj transportoj (CNC en Francio, Transfracht en Germanio FR, Freightliner en Anglio, DDR-Cont en Germanio DR, ČSKD-Intrans en Ĉeĥoslovakio ktp.) Ofte tiuj organizaĵoj disponas ankaŭ pri propraj konteneroj. La orienteŭropaj fervojoj fondis antaŭ du-tri jaroj propran organizaĵon pri reciproka uzado de konteneroj (SPK) kun sidejo en Bukarest, kiu baldaŭ ekfunkcios ankaŭ praktike, kio certe donos novan puŝon al la disvolviĝo de kontenera trafiko.

Por kunordigo kaj disvolvigo de la internacia kontenera trafiko la eŭropaj fervojoj fondis en decembro 1967 apartan kooperativan societon nomatan INTERCONTAINER, kun sidejo en Basel (Svisio). Nuntempe tiu societo ampleksas 23 eŭropajn fervojojn (nur la Rumanaj ŝtataj fervojoj – CFR ankoraŭ mankas en tiu granda "fervoja familio"); ankaŭ la societo INTERFRIGO kiu okupiĝas pri transporto de varoj sub konstanta temperaturo estas membro de societo INTERCONTAINER.



*Kontenera trajno.*



*Haven-fervoja terminalo.*

La societo INTERCONTAINER funkcias kiel komuna komerca agentejo de eŭropaj fervojoj. Por realigo de sia funkcio sur la internacia transporta merkato ĝi disponas pri certaj komercaj rajtoj (rabatoj) akorditaj al ĝi flanke de fervojoj-membroj. Surbaze de tiuj komercaj rajtoj la Societo vendas fervojajn transportajn servojn al multnombraj klientoj tra la tuta mondo.

La plej granda parto de la trafiko en organizo de la Societo INTERCONTAINER devenas el transmara (aŭ pli bone dirite transoceana) varinterŝanĝo precipe inter Eŭropo kaj Ameriko sed en la lasta tempo la Societo intense klopodas disvolvi ankaŭ kontinentan trafikon. La plej interesaj realigaĵoj en tiu domeno estas sendube tre forta kontenera trafiko pere de tiel nomata "siberia terponto" por varinterŝanĝo inter Japanio kaj Eŭropo kaj la trafiko de rektaj konteneraj trajnoj kun landoj de la Proksima Oriento (precipe Irano). Kvankam tiuj lastaj landoj respektive iliaj fervojoj (Turkio, Sirio, Irano kaj Irako) ne estas membroj de la societo INTERCONTAINER oni tre bone kunlaboras en kadro de la internacia tarifa unio Balkano-Proksima Oriento (BPO) kies konsultativa membro INTERCONTAINER fariĝis antaŭ kelkaj jaroj.

Per la ĝisnuna disvolvo de la internacia kontenera trafiko en Eŭropo oni povus, ĝenerale dirite, esti kontenta. En 10 monatoj de la pasinta jaro en organizo de la societo INTERCONTAINER estis transportitaj 402.551 konteneraj unuoj de 20 piedoj per kio oni preskaŭ atingis la tutjaran rezulton el 1975 (414.752 unuoj). La transportita kvanto de konteneroj kreskas en la lastaj jaroj ĉirkaŭ 17,5% meze po jare, kio estas multe pli ol en klasika fervoja trafiko (kiu, kiel konate, parte stagnas aŭ eĉ regresas).

Tamen la limoj de disvolvo kaj progresigo de kontenera trafiko per fervojo certe ne estas atingitaj. Antaŭ ĉiuj eŭropaj kaj antaŭ la societo INTERCONTAINER kiel ilia komuna komerca agentejo staras ankoraŭ grava tasko intensigi aplikon de ĉi tiu transporta sistemo tie kie ĝi jam estas enkondukita kaj helpi al ĝia afirmigo en regionoj en kiuj ĝi faras siajn unuajn paŝojn. La perspektivoj estas bonaj kaj la societo INTERCONTAINER povas kun fiero rigardi ne nur al pasinta 10-jara periodo sed ankaŭ al plenumo de estontaj taskoj starigitaj al ĝi flanke de fervojoj-membroj.

G. Sredić, estro de orienta transport-merkato
en la societo INTERCONTAINER.

# NEKROLOGOJ

## BELGIO

La 22-an de majo 1977 mortis nia amiko

**Camille BOOGAERTS.**

Li estis membro de IFEF kaj fidela, subtenanta membro de BEFA.
Al liaj edzino kaj filo ni esprimas sincerajn kondolencojn.

Li ripozu en paco!

IFEF.

## ĈEĤOSLOVAKIO

La 4-an de septembro forpasis en Prago, post longa kaj granda suferado, nia fidela amiko kaj meritplena membro

**Bohumil KRÁL.**

Post multa peno s-ro Král sukcesis fondi la Ĉeĥoslovakan fervojistan movadon en 1964, per kio li liveris 100 novajn membrojn al IFEF.
Ĉe tiuj kiuj konis la simpatian kamaradon, li certe restos ankoraŭ dum longa tempo en kara memoro.
Ni sincere kondolencas al liaj edzino, filinoj kaj parencoj.

Por la IFEF-estraro, dJ.

## DANIO

Unu el niaj plej elstaraj anoj, honora membro de IFEF kaj honora membro de DEFA,

**N. C. THORSTED,**

mortis la 18-an de aŭgusto 1977.

Thorsted naskiĝis 9.10.1885. Li estis pioniro en nia fervojista Esperanto-movado. Li esperantistiĝis 1932. En 1947 li partoprenis la unuan postmilitan SAT-kongreson en Aarhus, kie li kune kun Jan Lok (Nederlando) kaj J. Zink (Aŭstrio) esploris la eblecojn, fondi internacian organizaĵon por fervojistoj esperantistaj. Li estis iniciatinto kaj kunfondinto de DEFA (1948), krome li partoprenis la SAT-kongreson en Amsterdam 1948 kaj tie la fondkunvenon de IFEF.

Thorsted estis Prezidanto de DEFA 1948 - 1954 kaj redaktoro de DEFA-Bulteno 1948 - 1952, poste plurjara DEFA-estrarano, prezidanto de LKK por la unua IFEF-kongreso 1949 kaj vicprezidanto de LKK por la deka IFEF-kongreso 1958. Sur internacia tereno li partoprenis dum jaroj en la terminara agado. Sesfoje li reprezentis sian landon kiel delegito en IFEF-kongresoj. Krome li estis ano de la iama "Komunkomitato de la Danaj Esperanto-Organizoj" en la periodo 1949 - 1960.

Multjara esperanto-instruisto.
En 1958 li estis elektita honora membro de DEFA, kaj dum la kongreso en Skelleftea oni nomumis lin Honora Membro de IFEF.

Jen vi legis koncizajn indikojn, kiujn donis al ni la dana landa asocio. Ili klare skizas la ampleksan agadon de N.C. Thorsted kiel esperantisto dum pli ol 40 jaroj de lia vivo kaj aparte tion, kion li faris por sia dana asocio kaj por IFEF. Vivo plena da laboro, plena de ideoj, de inklino al tio, kion li estis ekkoninta kiel gravan enhavon de sia vivo. Li restis fidela ĝis la fino.

Ne nur niaj danaj kolegoj perdis amikon. Lia kamaradeca, modesta, ĝentila personeco havigis al li multajn

amikojn en multaj landoj. Kaj li estis unu el tiuj kolegoj, kiuj post la milito klare ekkonis iam faritajn erarojn kaj konsekvence kunfondis strikte neŭtralan fervojistan organizaĵon internacian. Tio estis kaj restis la plej grava merito de Thorsted.

Ni ĉiuj, kiuj havis la bonŝancon koni lin persone, funebras pro perdita amiko. Ĉiuj, kiuj ne konis lin, sciu, ke IFEF perdis gravan membron el sia unua generacio. Li restos ligita por ĉiam al la historio de nia federacio, li restos neforgesata.

Prezidanto de IFEF.

## GERMANIO

Dum la lastaj monatoj ni perdis en Germanio denove kelkajn membrojn:

En la grupo Bremen
**Friedrich HAHN.**

En la grupo Hagen
**Josef RÖDER,**
**Günter PAWLIK,**
**Willi RÖDER.**

En la grupo Hannover
**Erich SCHULTZ.**

IFEF tutkore kondolencas nian germanan sekcion kaj la familiojn de niaj membroj. Ni neniam ilin forgesos.

## NEDERLANDO

En aĝo de 72 jaroj forlasis nin la 17-an de aŭgusto en Amsterdam

**Johan Pieter HOGEWEG.**

Li estis tre aktiva kaj laborpreta kolego, kvankam la sanstato lasis al li laste ne plu eblecon por aktivado. Ni konservu al li bonan memoron.

IFEF-estraro.

# NIA IFEF-FAMILIO

**Membroj de la Honora Patrona Komitato de IFEF.**

**1970**
D-ro Emile Schlesser, Luxembourg
Prezidanto de l'FISAIC.

J.A. Pahin, Paris
Prezidanto Genéral de l'U.A.I.C.F.

Pasquale Ceci, Bologna
Dopolavoro Ferroviario

**1971**
Inĝ. Karoly Rödönyi, Budapest
Ministro por Trafiko

**1972**
D-ro Giordani Azzi, Inĝ. Como

**1977**
D-rino Marjorie Boulton, Oxford

**Honoraj membroj de IFEF.**

**1958 en Aarhus**
W. Biesheuvel, Amsterdam (†)
E.J. Drijfhout, Amsterdam
H. Hoen, Amsterdam (†)
W. Stapel, Amsterdam (†)

**1963 en Stoke-on-Trent**
Jan Lok, Amsterdam

**1973 en Aarhus**
Ingvard Kensing

**1975 en Villach**
K.G.J. de Jong, Amsterdam
Otto Walder, Romanshorn

**1976 en Skellefteå**
D-ro Istvan Bácskai, Budapest
Mag. Nils Gösta Narvalla, Helsinki
N.C. Thorstedt, Aarhus (†)

**1977 en Swanwick**
Germano Gimelli, Bologna
J.J. Labordus, Utrecht
Inĝ. Jaromír Řebíček, Havlíčkův Brod

**Honorigitaj flanke de FISAIC.**

**Per ora medalo:**
**1967 en Fulda**
Johann Geroldinger, Linz

**1969 en Avignon**
K.G.J. de Jong, Amsterdam

**1970 en Rimini**
Joachim Giessner, Herzberg
Jan Lok, Amsterdam

**1974 en Tarragona**
Otto Walder, Romanshorn

**1975 en Villach**
Elfriede Kruse, Germanio

**1973 en Aarhus**
Joh. Christoffersen, Danlando (†)

**1977 en Swanwick**
Horace Barks, Britio

**Per arĝenta medalo:**
**1967 en Fulda**
M. Thies Blaauw, Zwolle (†)

**1968 en Avignon**
Germaine Lemonnier, Francio

**1971 en Maribor**
André Blondeaux, Francio
Gernot Ritterspach, Germanio
Josip Zupanič, Jugoslavio

**Per bronza medalo:**
**1967 en Fulda**
Hans Hunkeler, Svislando

**1976 en Skellefteå**
Harry Bengtsson, Svedio

**ESPERANTAJ EDZIĜOJ:**

**FRANCIO:**

Ni eksciis pri edziĝoj de membroj de FFEA, en junio:

**s-ro Poupeau kaj f-ino Groult,** en Brunoy.

**s-ro Legeard kaj f-ino Hervouet** (filino de nia amiko André Hervouet).

Al tiuj novaj geedzoj, IFEF esprimas plej sincerajn bondezirojn.

## LA ESPERANTO-MOVADO

**Helpo por Bona Espero.**

Dum amuza vespero ĉe la IFEF-kongreso en Swanwick nia aktiva amikino Margret Brandenburg kaptis la okazon konatigi la ĉeestantojn kun la Esperanto-infanvilaĝo "Bona Espero". Multaj kongresanoj antaŭe ne aŭdis pri tio. Do, kio estas Bona Espero?
Antaŭ preskaŭ 20 jaroj 6 brazilaj esperantistoj fondis la bienan lernejon "Bona Espero" por eduki kaj instrui orfojn kaj aliajn infanojn, kies parencoj ne zorgas por ili. La Fazenda Escola Bona Espero en BR - 77260 Alto Paraiso (Goias) situas 250 km norde de la brazila ĉefurbo Brasilia. La tereno havas la grandecon de 13,8 kvadratkilometroj kaj estas trafluita de 4 riveroj. Por la nutraĵoj la loĝantoj grandparte zorgas mem, ĉar ili rikoltas fruktojn, plantas legomojn kaj bredas dombestojn. Sed ili ne povas vendi tion en la malproksima ĉefurbo, ĉar nur malbona neasfaltita vojo ekzistas kaj mankas malvarmigeblecoj, taŭgaj transportiloj k.t.p.
Antaŭ 3 jaroj venis kiel unuaj eŭropanoj gesinjoroj Grattapaglia al Bona Espero por helpi ĉe la edukado kaj instruado de la infanoj. Intertempe




ankoraŭ aliaj esperantistoj el diversaj landoj helpas aŭ helpis tie. Ĉirkaŭ 25 infanoj lernas en Bona Espero kaj pluaj 40 en la vilaĝo Alto Paraiso, kie estas meza lernejo ekde la pasinta jaro. Krom la portugala lingvo ĉiuj parolas Esperanton.

Ne nur por la infanoj zorgas la Bon-esperanoj, ankaŭ al la loĝantaro en la ĉirkaŭaĵo ili donas konsilojn, instru-adon kaj helpon. La brazila d-ro Carlos Melo estas la unua kuracisto en tiu regiono kaj kelkaj klientoj venas eĉ pli ol 100 km por konsulti lin. Lia japana edzino Ŝigeko estas flegistino. Jam pli ol 100 infanoj profitis de la edukado en Bona Espero kaj vivas pli kontentaj en iliaj metioj ol multaj aliaj, kiuj lernis nenion.

Post la Universala Kongreso en Kopen-hago gesinjoroj Grattapaglia konatigis kelkajn eŭropajn esperantistojn per filmprelegoj kun la laboro en Bona Espero. Ekde tiam ankaŭ la fervojistaj esperantogrupoj el Bremen, Frank-furt (Main), Herzberg, München, Münster (Westf.) kaj Schwelm subte-nas la infanvilaĝon per mono kaj pa-ketoj. Cetere, Ursula Grattapaglia, kiu antaŭe laboris kiel tradukistino ĉe FIAT en Turino, estas filino de fervoj-isto en Berlin. Ŝia ekzo Giuseppe Grattapaglia estis inĝeniero.

Sinjoro Kehlet el Danlando (nun en Belgio), kiu kelkfoje estis en Bona Espero, jam 3 foje sendis presitan informilon al la donacintoj. En ĉi tiu jaro li donacis ĵipon kaj agregaton por Bona Espero, por ke ili nun havu elektran kurenton, 3 horojn dumtage, sed mankas ankoraŭ multaj rimedoj por plibonigi kaj disvastigi la helpon por la infanoj. Oni bezonas monon ekzemple por aĉeti cementon por re-konstrui kaj ripari la pontojn kaj domojn, pintdraton por bariloj, por ke la ĉevaloj kaj bovoj ne forkuru en la savanon, benzinon por la traktoro, rizon, sukeron k.t.p. La ŝtato kontri-buas nur al la kostoj por la lernejoj.

En januaro 1977 dum la pluvtempo la riveroj detruis 2 pontojn inter Bona Espero kaj la vilaĝo Alto Paraiso. Tial la donaco de la IFEF-kongresanoj en Swanwick en valoro de 170 germanaj markoj kaj plua donaco de la esperan-togrupo Münster de 70 markoj estis destinitaj kiel kontribuio por la re-konstruado de la pontoj. La mono estis sendota al la poŝtĉekkonto de UEA: Nederlando n-ro 378964 kun la destino: por Bona Espero. Gesinjoroj Grattapaglia, kiuj intertempe ricevis la monon, dankas nome de ĉiuj Bon-esperanoj pro la donaco al ĉiuj dona-cintoj.

Ĉar la pagendaj impostoj en Brazilo por malgrandaj paketoj estas preskaŭ same altaj kiel por paketoj, bonvolu ne sendi paketojn. Pro la sendado de paketoj bonvolu informiĝi antaŭe ĉe: s-ino Ursula Schrapp, Schmitting-heide 17d, D-4400 Münster (Westf.).

Ensendis s-ro Schindler (G.E.F.A.).

# POR LA NATURO

## ORGANIZITA MASAKRO DE MIGRAJ BIRDOJ

Ĉu mortverdikto por Eŭropo kaj Afriko?
Ĉiujare en Italio estas detruitaj minimume 250.000.000 da migraj birdoj; tiom da insektmanĝaj birdoj ekstermas proksimume 40.000 tunojn da insektoj en unu monato! ! !
12 specioj de insektmanĝaj migrobirdoj, kiuj travintras en Afriko, montris regreson de 26 - 91% inter 1968 kaj 1974!
Se tiu ĉi masakro ne tuj estos haltigita, Eŭropo kaj Afriko iros al morto, sekve de malsato aŭ veneno; EKOLOGIA KATASTROFO, kies ombro jam nun ĵetiĝas sur ambaŭ kontinentoj.
La migraj birdoj, kiuj sekvas la Mezeŭropan flugvojon, estas herede tiel programitaj, ke ili - por tiel diri - migros trans la itala duoninsulo "ĝis la lasta birdo". Homoj ne povas ŝanĝi ilian vojon. La ununura eblo preventi ilian ekstermon - kaj verŝajne mondkatastrofon - ne estas ŝanĝi ilian konduton, sed tiun de la kelkmilionoj da sudeŭropaj kaptistoj, ĉasistoj kaj konsumantoj.
La ĉesigo de la birdkaptado en Italio, estas unuloke politika problemo. La politikaj partioj en Italio, ĉu maldekstre, ĉu dekstre, ne kuraĝas (se ili volus) malpermesi tiun sporton, ĉar ĝi estas ege populara - ankaŭ multaj parlamentanoj tre ŝatas ĝin aŭ iel ajn ege gajnas per ĝi pro aferecaj rilatoj al ĝi.

**La sekvoj.**

Ĉiujare do 250 milionoj da mortigitaj birdoj. En antaŭvidebla tempo povas veni momento, en kiu mankas birdoj por celtrafe neniigi troaĵojn da insektoj. Insektoj, kiuj estas IMUNAJ kontraŭ insekticidoj plimultiĝas kaj formanĝas la nutrajn kreskaĵojn antaŭ la rikolto. Kaj sekve de tio, malsato minacos la homaron.

**La ĉasado en Italio.**

La ĉasistoj kaptas kaj pafas per ĉiam pli efikaj rimedoj! Italio jam de longe ne plu havas proprajn surlokajn birdojn, ili estas mortpafitaj, formanĝitaj. Ni ne toleru, ke la ĉasistoj nun forprenas ankaŭ NIAJN INTERNACIAJN birdojn.
Italio havas la plej longan ĉassezonon. Ĝi daŭras ekde la fino de aŭgusto ĝis aprilo. En la regiono Puglia ĝi daŭras tamen du monatojn pli longe. Multaj malgrandaj kantbirdoj transflugas Puglia'n en ambaŭ direktojn. Precipe survoje al la nordo tiuj du ekstraj monatoj estas katastrofaj.

**Internacia problemo.**

Temas do pri internaciaj migraj birdoj; ne nur estas itala enlanda problemo.
La fondaĵo "Monda Alternativo" kiu i.a. alpaŝis tiun ĉi internacian problemon, akceptis tial ankaŭ kiel laborlingvon apud la angla la internacian lingvon Esperanto.
En sia mondskala laboro ĝi spertis altajn lingvobarilojn. Esperantistoj, ekkaptu tiun ŝancon praktike kaj utile uzi Esperanton por valorplena afero.
Kontaktu Monda-n Alternativo-n, Vondellaan 37 zw, Zandvoort, Nederlando. Ili povas sciigi al vi la samidean organizaĵon en via lando, kun kiu ili kunlaboras.

El "The Worker Esperantist" 274

# ANONCETOJ

## POR PAROLI ESPERANTE KUN LA TUTA MONDO . . .

Ekzistas tutmonda klubo de homoj, kiuj deziras korespondi per sonbendoj aŭ kasetoj. Tiu klubo havas sian sidejon en Usono sed ĝiaj membroj loĝas en 34 landoj. Inter tiuj, estas ankaŭ esperantistoj, kio jam estas interesa por ni. Sed la intereso estus ankoraŭ pli granda, se multaj esperantistoj partoprenus en tiu mondskala rondo. La jarkotizo estas tre malalta (nur kvar dolaroj) kaj kontraŭ tiu sumo, ĉiu membro ricevas: kompletan adresaron de ĉiuj membroj en la tuta mondo (la lasta havas 64 grandajn paĝojn) kaj ĉiun trian monaton, interesan gazeton en la angla lingvo, kiu enhavas suplementon kun la adresoj de la novaj membroj. Mi ne dubas, ke se ĉiuj esperantistoj scius, ke tiu klubo ekzistas, preskaŭ ĉiuj, kiuj posedas magnetofonon, aliĝus al ĝi, kaj tio havus du avantaĝojn: unue, multaj esperantistoj povus "parole" interkonatiĝi; due, la ceteraj membroj de la klubo, ĝis nun ne esperantistoj, konstatus la disvastigadon de nia afero, kaj multaj (kiuj serĉas homan kontakton kaj estas ĝenataj per la lingvaj baroj) venus al niaj vicoj kaj eklernus esperanton.
Cetere, por la esperantistoj, kiuj estas kapablaj paroli aliajn lingvojn, tio estas facila maniero propagandi nian aferon en medion tute pretan akcepti ĝin. Tiu klubo nomiĝas THE VOICE-SPONDENCE CLUB. Tiu vorto signifas "voĉa korespondado", el la angla vorto "voice" (= voĉo).
La fakto, ke la adresaro kaj la kvaronjaraj bultenoj estas en la angla lingvo ne devas esti baro por tiuj el la esperantistoj, kiuj ne scipovas la anglan lingvon, ĉar mi proponis al la sekretario de la klubo esperantistan kunlaboradon, kiun li entuziasme akceptis. Mi jam preparis esperantlingvan tradukon de la listo de specialaj interesoj, kiun la peranto de la Klubo por kontinenta Eŭropo multobligos por la esperantistoj. Ili ja estas tute pretaj akcepti nin: tiun okazon ni ne devas preterlasi! Tial mi konsilas al vi aliĝi al tiu tre interesa klubo kaj profiti ĝiajn servojn. Tion vi certe ne bedaŭros!
Se vi deziras pli da informoj, vi povas unue turni vin al mi.

Daniel LUEZ
1, rue Victor-Faglain
F 02000 LAON (Francujo).

## ESPERANTISTAJ KOLEKTANTOJ!

Petu vian senpagan registradon en la internacia sliparo de la Esperantista Kolektanta Centra Informejo, sendante ĉiujn informojn pri la aĵoj kiujn vi kolektas al: R. MELO, 34 Avenue de Russie, F-03700 BELLERIVE sur Allier, Francujo.
Ni tutmonde disvastigas la adresojn de nia sliparo. Por ricevi registradan ateston kaj informojn, aldonu respondkuponon.

## UNUA MONDA KONKURSO DE LA ESPERANTO-KANZONO PENTEKOSTO 1978 CLERMONT-FERRAND FRANCUJO

Okaze de la 70-a franca nacia kongreso de Esperanto, ni organizos inter-

nacian konkurson de la esperantlingva kanzono, sabaton, la 13-an de majo 1978, en la urba teatro de Clermont-Ferrand.
Temas pri kanzonoj en la lingvo esperanto: paroloj povas esti ĉu originalaj, ĉu tradukitaj; muziko povas esti originala aŭ jam ekzistanta. Partoprenantoj povas kanti individue aŭ ope.

**Premioj:**

unua premio: 2.000 FF
dua premio: 1.500 FF
tria premio: 1.000 FF
krome, Pokalo de la Urbo - Premio de la Publiko - aliaj valoraj premioj.

**Gravaj atentigoj:**

1. La gajnintoj estas devigataj denove kanti dum la distra vespero de la kongreso (sabaton la 13-an).
2. Por garantii sufiĉe altan nivelon de la konkurso, la unua premio povos esti ne atribuita: la juĝantaro taksos la nivelon surbaze de la jam registritaj kantoj (diskoj aŭ sonbendoj).

**Aliĝoj:**

Por aliĝo kaj ĉiuj demandoj koncerne la konkurson, skribu (aldonante respondkuponon) al:

S-ro J.P. Boulet, prezidanto de la F.E.A.M.C.,
7, avenue du Forez
F-63800
COURNON D'AUVERGNE.

## LITERATURA FOIRO

Oni proklamis en Poitiers (Francujo), okaze de la 33-a Internacia Junulara Kongreso, la Verkon de la Jaro 1976. Tiu ĉi premio, organizata kiel daŭrigo de la Patrolkonkursoj, estas asignita per voĉdono fare de la abonantaro de LITERATURA FOIRO, la internacia kultura revuo ĉefredaktata de Giorgio Silfer.
Gajnis la premion por la jaro 1976 la detektivromano de Johán Valano "Ĉu vi kuiras ĉine?", eldonita de Dansk Esperanto Forlag. Granda estis la favoro de la abonantaro de LITERATURA FOIRO: 55% de la voĉdonantoj indikis la verkon de Valano kiel la plej brilan el la ok originalaĵoj aperintaj en Esperanto dum la pasinta jaro.

## FERVOJISTA KORESPONDA SERVO

Vi ne trovas anoncetojn pri korespondado en la organo de I.F.E.F. sed F.K.S. estas ĉiam je via dispono por helpi vin. Enskribiĝu senpage, petu korespondant-inojn en via preferata lando, kun temoj deziroj, k.t.p., ne forgesu aldoni respondkuponojn aŭ francajn pm.
Fervoja Koresponda Servo, 76 rue Bataille, 69008 LYON.



## Milit-epizodo sur Vaucois ĉe Varennes-en-Argonnes

Sude de Vareno kuŝas monto;
Vokvo estas ĝia nomo.
Sur ĝi estis la tranĉeo-fronto
kiel defendaĵ-simptomo.

Iam dum la mondmilit' unua
staris la soldat' Arturo —
el la Germanland' — en nokt' senbrua
ĉe tranĉeo-embrazuro.

Antaŭ li troviĝis grand-kratero
ekestinta per eksplodoj
post la reciprok-minad' sub tero
de la pionir-klopodoj.

Tridek metrojn sur kontraŭa rando
de l' kratero jen subite
ekleviĝis homo sen komando
kaj kondutis malmilite.

Estis preskaŭ klara silueto
— prezentita tutfiguro;
kvazaŭ celtabulon sur la breto
vidis li tra l' embrazuro.

La soldato franca per la mano
montris tien kaj al io,
temis eble pri atakoplano
aŭ pri ŝerca komedio.

Ĉu l' soldat' germana sur lin pafu —
la ebleco sin prezentis —
kaj la kontraŭulon morte trafu?
Lia konscienco ne konsentis!

Terurega estus tia ago
kaj neniam altanima,
malheroa en la pensimago,
ja eĉ kruda faro krima.

Li retiris la pafilon sian
el la tru' de l' embrazuro;
pripensante agon emocian,
pace restis — la Arturo.

Originalo
de Arthur Benders.
Mannheim (Germanio)
IFEF-membro.

---

## GRAVAJ ENHAVAĴOJ



---

**La redaktofino por la venonta IF estas 15.11.1977.**

---

Grafika kaj teknika prizorgo: *Grafika Studio Nevan,* Rotterdam.